Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj — Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

20/09/2012 Sepdekkvara Eldono 2012 20/09/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

# GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

## Lingva Eraro

## En la retmesaĝo kun AE74

Kara Roger,

En la lasta frazo vi faris eraron. Vi skribis: Venu kaj renkonti...

Devus esti: Venu renkonti... aŭ : Venu kaj renkontu…

Saluton, Volo

Dankon, Roger

## MI PETAS, KRITIKU EN NIA PROPRA, KOMUNA LINGVO

Kara Gordon, unue, mi gratulas vin pro via oferto kaj elekto al la nova estraro. Mi ankaŭ sentas la devon diri, ke mi bedaŭras, ke en la angla, vi diris por la delicumo de ne-Esperantistoj la faktojn, a) ke estas tro malfacile traduki en Esperanton viajn opiniojn, kaj b) ke la inta estraro meritas admonon pro la malkuraĝigo inviti anojn al la Jarkunveno. Ni estas eta familio, sen tro da (efektive sen sufiĉe da) gejunuloj por efektivigi la "finan venkon", do, ni nek skribu nek parolu nek faru ion ajn por ridindigi nian movadon. Mi mem preferus ne vidi la anglan en nia novaĵletero, sed se nia estimata eldonisto Roĝero opinias ĝin necesa, ni almenaŭ ĉiuj projektu nur dolĉecon-kaj-lumon en ĝi. Tio ne signifas, ke oni ne rajtas kritiki aŭ la eksan aŭ la novan estraron. Ni nur faru tion "endome", t.e., en nia propra, komuna lingvo. Vera Payne 2012/9/16



Mi ne konsentas kun Vera, ke oni publikigu nur la bonajn flankojn de Esperanto. Ni estu objektivaj. Esperantistoj ne estas perfektaj, ili povas esti tre malamikemaj, disputemaj, ktp. Ni ne volas esti komercistoj kiuj donas nur la pozitivajn flankojn de varo kaj prisilentas la malpozitivajn. Nicole

## Aŭskultu, legu Esperantan retradion tage Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmulto da minutoj. Plibonigu vian Esperanton



http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 'Oleproduktada Kulmino'

Dankon al Richard Delamore pro lia pensiga letero pri "Pinta Petrolo".




Vere pripensenda afero. Sed mi deziras mallonge diskuti la titolon ĉar mi opinias ke ĝi estas anglaĵo kaj nebona priskribo de la afero. Kiel Richard klarigis en sia artikolo temas pri maksimuma produktado de nafto, kiu estas la fonto de benzino por la aŭtomobiloj. Do en la angla estus pli klare se oni uzus 'Oil Peak 'ĉar vere la substantivo estas 'Peak'. Do Esperante mi preferas uzi 'Oleproduktada Kulmino'. Eble ne tiel atentokapta kiel 'Pinta Petrolo' (vere devus esti Pinto Petrola) sed pli komprenata. Ĉu estas aliaj proponoj? Se oni kreus 'atentokaptan frazon' estu originalulo.

Terry Manley

## Kiom da Aŭstraliaj Esperantistoj vere ekzistas, kaj kiel plimultigi tiun nombron?



Ofte oni demandas min, kiom da Esperantistoj vere loĝas / ekzistas en Aŭstralio? La plej facila maniero por eltrovi la respondon estus kontakti AEA mem, tamen ne ĉiuj Esperantistoj apartenas al la nacia, aŭ eĉ la lokaj asocioj. Do kion ni povas fari? Mi unue decidis kalkuli la grandecon de la Aŭstralia Esperantistaro bazitan sur la AEA-a membrolisto, ĉar AEA kompreneble estas la plej granda asocio en Aŭstralio. Surprize, AEA nur posedas 85 membrojn (sed, nun mia listo estas malaktuala de kelkaj monatoj), tamen UEA montras, ke AEA havas

190 membrojn (Eble UEA devus esti informita pri la vero). Due mi uzis ĉi tiun novaĵleteron, poste mi uzis lernu.net-on (retlernejo de estontecaj Esperantistoj), kaj finfine mi forigis ĉiujn duoblaĵojn. Do la vera nombro de la konataj aktivaj ekzistantaj Esperantistoj estas nur 256 tutlande. Kompreneble, povas esti kelkaj aliaj, kiuj ne apartenas al ĉi tiu letero, AEA, aŭ lernu.net, sed la nombro ne povas esti pli alta ol dek procentoj de la antaŭa menciita nombro. Do miaopinie nur kapablas esti ĉirkaŭ 282 vivaj aktivaj Esperantistoj tutlande (Jes mi ja malplaĉe rimarkis la malgrandecon de tiu ĉi nombro). Se vi mem volus kontroli mian matematikon, vi nur devas rigardi al Novzelando; kiu enhavas 123 Esperantoparolantojn. Tiu ĉi informo, laŭ mi, estas interesa kaj samtempe timiga. Do, eble estas la tempo por ni, la Aŭstraliaj Esperantistoj, kaj la venonta Estraro de AEA ŝanĝi nian strategion pri la varbado de Esperanto. Antaŭ ol mi finas ĉi tiun leteron mi deziras montri ion al vi - en Hungario ekzistas 4565 konataj Esperantistoj, tio estas grandega nombro, ĉu ne? La diferenco inter Aŭstralio kaj Hungario estas la fakto, ke en Hungario (Esperanto estas instruita en mezlernejoj) Do miaopinie ni devas energie antaŭpuŝi Esperantan instruadon en la proprajn lernejojn. Nu, mi lasos vin kun komento de Penny Vos (vaste konata instruisto, kaj varbisto de Esperantistoj) "Eblas per Aŭstralia Nacia Definita Kursaro provizi ĉiujn el niaj infanoj per la sperto de dulingveco, sed nur se Esperanto estus la unua flua fremda lingvo elektata. Simple laŭ la nuna sistemo, ne estas sufiĉe da horoj aŭ sufiĉe da taŭgaj instruistoj laborantaj en la bezonataj lokoj por plu agi laŭ la nuna maniero. Esperanto ja povas esti instruita pere de la nunaj laborantaj instruistoj, kaj ankaŭ ili aliflanke provizos diversajn perspektivojn de la mondaj kulturoj, kognitivaj (komento de la provleganto:tiu vorto ne ekzistas en PIV) avantaĝoj, konfido, emo kaj reuzeblaj spertoj pri lernontaj lingvoj. Ni (Penny kaj ŝia teamo) kreis ilaron kaj nun ni laboradas por science testi ĝin, kaj samtempe ni laboradas por enmeti orientiĝan kurson en la instruadon de “Primary Teachers Australia-wide" aŭ Esperante: elementlernejaj instruistoj Tutaŭstralie”. - Riĉardo el Sidnejo, kun komento pere de Penny Vos





Kiom da lernejoj instruas Esperanton kaj kiom uzas la Mondetan libron?



**Esperanto Geedzigas** estas kvin-minuta dokumenta filmeto pri geedziĝo inter geesperantistoj el malsamaj landoj

Jen ĉarma filmeto

http://www.youtube.com/watch?v=yfD2HV57XRM

Amike, Nicole

Se vi ne povas uzi la Esperantajn literojn, uzu la x metodon kaj mi ŝanĝos al la Esperantaj literoj por la novaĵletero Roger Springer

## GRAVAJ EVENTOJ informis Max Wearing

La AEA Jarkongreso okazos en Brisbano 28a de septembro ĝis 1a de oktobro, 2012.

Ĉu Speciala Reunuiĝa Kongreso de AEA okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 11 ĝis 13 januaro, 2013?




Ĉu AEA-Somerkursaro okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 14 ĝis 28 januaro, 2013?

Ŝtat-lernejo okazos ekde 7 ĝis 10 junio 2013 (dum la Adelaide Cabaret Festival)?

# LA AEA-JARKONGRESO 2012

AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**





AEA total assets 30 Jun 12 **$200,281.87c**

Sep jara elspezo **2005/12** **$121,600**

**Envenita mono dum 11/12 $17,000, foje 7 jaroj egalas ĉu $120,000. Plus la kapitalo uzita $121,600**

**Egalas ĉu $241,600 aŭ pli? uzita per AEA dum 7 jaroj**

**Prezidantoj Igor Couto kaj Dianne Lukes estris tiun periodon**
**Kie estas la detalaj kontoj por tiuj 7 jaroj?**

**Kiom estas la jaro po jaro uzo de la mono? Kaj por kio? Kaj per kiu? Kie estas la detaloj?**

**Dum 2011/12 $8670 plus $1300 fondusa mono uzita por la progreso de Esperanto**
**Tre bone, kie estas la detaloj? Nur unu demando el multaj.**

**La Profit&LossForYear2012.06.30.**pdf **nur ekigas demandojn, sed ne donas klarigojn.**



Ĉu mi legas prave ke Suzanne Windsor, la kasisto de AEA ne ĉeestos?

La AEA kasisto pardonpetas ĉar ŝi ne ĉeestos **la AEA-Jarkongreson 2012**



**Demandoj por la nuna Prezidanto, Dianne Lukes**
**Ĉu vi havas detalojn de la monaj aferoj de AEA ekde 30a de Junio 2005?? Ĉu $250,000 estis elspezitaj? Demandu la kasiston.**

Ĉu leĝaj detalaj kontoj de tiu periodo ekzistas?



## La AEA kongreso ne estas ferio.

Estas kunveno kie la anoj renkontas la estraranojn, kritikas, sugestas, planas la progreson de AEA.
Tie la membroj juĝas la estrajn agojn de la Estraro.

## ĈU AEA IGNORAS LA AEA STATUTON

Kie estas la raportoj de Diano, de Suzanne, ktp? Mi nur havas tiun de Kam.
Jen eltiro el la statuto:

A copy of the accounts, statements and reports prescribed by the Corporations Act to be presented at the Annual General Meeting must be provided to full members at least fourteen (14) days before

the Annual General Meeting.
Krome ĉu vi rimarkis, ke la direktoro pri financoj ne ĉeestos la kongreson, kvankam ŝi loĝas proksime de Brisbano? Bona rimedo eviti la bezonon respondi al demandoj!
Amike, Nicole (18-9-12)

## Kelkaj raportoj nun estas ligitaj al ĉi tiu retmeŝago

**-- PROFIT & LOSS -- For Period Covering 01/07/2011 to 30/06/2012**

Prepared by: **Suzanne Corry**
Prepared for: **Australian Esperanto Association Ltd.**
Date: 18/09/2012

#[unknown]

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **Revenues** | | | | |
| Income | | | | |
| Operating | | | | |
| Membership Subscriptions | | -$2,375.00 | | |
| Interest Received | | -$0.22 | | |
| Total Operating | | | -$2,375.22 | |
| Fondusoj - Capital Accounts | | | | |
| Adelaide Congress | | -$3,517.88 | | |
| Interest Received | | -$5,691.76 | | |
| International Travel Fund | | | | |
| ITF Interest Received | -$2,018.36 | | | |
| Total International Travel Fund | | -$2,018.36 | | |
| Total Fondusoj - Capital Accounts | | | -$11,228.00 | |
| Libroservo | | | | |
| Libroservo Orders | | -$3,029.00 | | |
| Interest Received | | -$0.08 | | |
| Total Libroservo | | | -$3,029.08 | |
| Correspondence Course | | | | |
| Sale of Courses | | -$140.00 | | |
| Interest Received | | -$243.09 | | |
| Total Correspondence Course | | | -$383.09 | |
| Total Income | | | | -$17,015.39 |
| **Total Revenue** | | | | **$17,015.39** |

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Expenses** | | | |
| Expense | | | |
| Operating | | | |
| ESK Printing | $2,117.33 | | |
| Postage | $983.47 | | |
| Bank Charges | $38.40 | | |
| Insurance (Public Liability) | $1,296.85 | | |
| Administration Expenses | $100.48 | | |
| Internet / Web Expenses | $39.31 | | |
| AEA Subscriptions | $42.00 | | |
| Total Operating | | $4,617.84 | |
| Fondusoj - Capital Accounts | | | |
| Collection Storage & Insurance | $1,226.58 | | |
| Projects to Advance Esperanto | $8,670.44 | | |
| Adelaide Congress - Prof. H.Tonkin Travel | $1,921.86 | | |
| Bank Charges | $30.00 | | |
| Koppel Fund - AEA Promotion | $1,300.00 | | |
| Life & Honorary Memberships | $700.00 | | |
| Total Fondusoj - Capital Accounts | | $13,848.88 | |
| Libroservo | | | |
| Books / Magazines from UEA | $1,997.83 | | |
| Currency Adjustment | $59.63 | | |
| Depreciation - Books | $500.00 | | |
| Total Libroservo | | $2,557.46 | |
| Correspondence Course | | | |
| Cost of Books Sold | $62.71 | | |
| Total Correspondence Course | | $62.71 | |
| Total Expense | | | $21,086.89 |
| **Total Expenses** | | | **$21,086.89** |
| Net loss for Period | | | $4,071.50 |

# LA AEA-JARKONGRESO PROGRAMO

Kara amikoj
Leginte pli profunde la programon por la venonta kunveno en Brisbano, mi sentas ke mankas io gravega. Kiam okazos diskuto pri la pasinta jaro kaj plano por la venonta jaro?

Dum la vespero de vendredo, tiuj kiuj jam alvenis povas renkonti novajn kaj malnovajn geamikojn.
Sabato: je 11:00 oni tetrinkas; je 11:30 estas parolado de Sandor pri Esperanto en kaj Aŭstralia kaj Oceanio.

Je 12:00, ni tagmanĝos
Je 2:00, ni ekscios pri la laboro farita de Penny Vos
je 3:00, alia paŭzo por trinki teon, ktp
Je 3:30, parolado pri Esperanto en la nova epoko ('digital age')
je 4:30, la fino de kunvenoj ktp por la tago.
Sekvos je nekonata horo, vespermanĝo

Dimanĉo 11:00 tetrinkado
11:30 pozitivaj aspektoj de la mondo de Esperanto – Sandor parolos
12:30 reiro al Brizbano (de kie?)
2:30 per boato al la ĝardeno por flari la rozojn
poste, vespermanĝo kaj ebleco rigardi piroteknikaĵojn

Lundo: 9:00 piedirado al South Bank
10:00 Jarkunveno
12:00 tagmanĝo
1:00 La nova estraro povas diskuti kaj prezenti la diversajn aferojn pridiskutitajn dum la AGMeto
3:00 00 – adiaŭoj

Do, per mia kalkulado, entute nur 7horoj pri aferoj kiuj rilatas al la movado.
La nuntempa prezidanto agnoskis ke kelkaj devas veturi longdistance, kaj proponis monhelpon pri la kosto.
Ŝajnas ke la 7 horoj estos la plej multekostaj asignataj por gravaj aferoj.
Sed mi ne rajtas grumbli – en mia valizo estos lano por triki puloveron por amiko.

Margaret Chaldecott

Sekve al la komentoj de Riĉardo mi ŝatus demandi kio estas esperantisto? Multaj el tiuj kiuj lernas Esperanton en lernejoj kapablas iom paroli Esperanton, sed ne fariĝas esperantistoj, tio estas ili ne partoprenas en la Esperanto-movado post la forlaso de la lernejo, ili ne plu uzas Esperanton. Tio multe okazas en Hungario kie lernantoj lernas Esperanton por havi bonajn poentojn en ekzameno, sed post la ekzameno ili ne plu uzas Esperanton. Laŭ mi esperantistoj estas personoj kiuj ne nur iam lernis Esperanton sed kiuj nuntempe iel uzas Esperanton almenaŭ de tempo al tempo. Se ni enkalkulas ĉiujn kiuj iam komencis studi Esperanton la ciferoj estos multe pli altaj. Ekzemple mia eksedzo certe ne estas en la listoj de Riĉardo, kvankam li scipovas Esperanton je tre alta nivelo, sed li nun ne plu uzas Esperanton.

Nicole Else